# LA GAZETO

## ENHAVO



**JEAN THIERRY ELEKTITA AKADEMIANO**

**LUIS MIMO ESPINALT MORTIS LA 1-AN DE MAJO**

**HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO EN FAMA HISPANA ENCIKLOPEDIO**


Numero 5. 15JUN86

**L A   G A Z E T O**

**s e s s e m a j n a   k l e r i g a   p e r i o d a ĵ o   d e   l a**
**M O N D A   F E D E R A C I O   D E   K U L T U R A J   A S O C I O J**
**p o r   d i s v o l v i g o   d e   l a   e s p e r a n t i s t a   k u l t u r o**

E l d o n a s
ESPERANTO-MFKA-METZ

R e d a k t o r o
Eugène de Zilah

R e d a k t a   K o m i t a t o
MFKA - 002 - METZ

G r a f i k i s t o
Daniel Nonnenmacher

F o t i s t o
Edgar de Zilah

M a k e d i s t o
Pascal Block

Adreso de la redakcio
kaj administracio
L A   G A Z E T O
39, rue Joseph Hénot
F-57070 M E T Z

**A b o n o j   ĉ e**
**CLUB D'ESPERANTO DE METZ,**
**MCL, 36 rue St-Marcel**
**F-57000 M E T Z**
**poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY**

J a r a b o n o
6 sinsekvaj numeroj : 12 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
i a m   a j n

L A   G A Z E T O
ne aperas dumsomere

A n o n c o j
1/4 da paĝo = 40 ekuoj

R e c e n z o j
bonvolu sendi po du ekzempleroj de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
A R T I K O L O J
LA GAZETO NE RESPONDECAS

*A B O N P R E Z O J   L A Ŭ   L A N D O J*

*Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi* ***poŝtmandaton*** *bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klariĝos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne pagipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la proksimuma prezo de unujara abono, en via nacia mono :*

** Alĝerio = 56DZs * Aŭstrio = 182As * Belgio = 530Bs * Britio = 7.6GBs * Bulgario = 11BGs * Danio = 96DKs * Finlando = 60SFs * Francio = 82Fs * FR Germanio = 26Ds * Grekio = 1610GRs * Hispanio = 1640Es * Hungario = 530Hs * Israelo = 17ILs * Islando = 470ISs * Italio = 17700Is * Japanio = 2000Js * Jugoslavio = 4300YUs * Kanado = 16CDNs * Luksemburgio = 530Ls * Maroko = 104MAs * Norvegio = 87Ns * Nederlando = 29NLs * Pollando = 1900PLs * Portugalio = 1730Ps * Sovetio = 85Us * Svedio = 82Ss * Svisio = 21CHs * Togo = 4100TGs * Tunezio = 8.6TNs * Turkio = 7830TRs * Usono = 11.4USAs*

*P E R A N T O J*

**Aŭstrio :** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845*
**Britio :** *Geofrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL — Poŝtkonto : 37.507.9106*
**Danio :** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95*
**Francio :** *CLUB D'ESPERANTO DE METZ, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Poŝtkonto : 762 79 P Nancy*
**F.R. Germanio :** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günte — Konto nº 31 377 450 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485)*
**Hispanio :** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35.*
**Italio :** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli*
**Luksemburgio, Belgio :** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49.*
**Svedio :** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3.*
**Svisio :** *Kultura Centro Esperantista, Postiers 27, CH-2301 La Chaux-de-Fonds. — Poŝtkonto : 23-2921*

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# LA ŜUOJ DE VERONIKA

Bela bildo altiris mian rigardon sur la ekranon de mia televidilo antaŭ kelkaj tagoj : juna knabino kun disradia ĝojo centrigas sian atenton sur tute ordinaran sportŝuon, kian uzadas modernaj gejunuloj. Unuavide mi kredis, ke temas pri sukcesa reklamado, sed rapide mi komprenis, ke la parolisto rakontas la historion de industriisto, kiu sukcesis krei ŝuojn por kripluloj. Ĉi tiuj ŝuoj aspektas ekstere kiel normalaj, fortikaj, ĉiutagaj ŝuoj, sen metalaj bendoj, sen ŝraŭboj, sen dikega ledo. Interne ili havas plastikŝaŭman duobligaĵon rekte mulditan sur la piedojn de la uzanto. Ili estas malpezaj, flekseblaj, kaj la juneta Veronika rajte ĝojas, ĉar ŝiaj malgrandaj kamaradoj ne plu mokados pri la pezaj botoj kiuj vestadas ŝiajn de poliomjelito misformitajn piedetojn, ĉar la grandaj personoj ne plu ridetos al ŝi mielaĉe, dirante, ke ŝi estas tiom kaj tiom bela, kaj ke en la vivo paralizitaj gamboj tute ne gravas, nur gravas, ĉu ne, ke ŝi havas pli belan animon ol la aliaj infanoj kiuj havas nur sanajn krurojn. Aldone la muldaĵo kostas nur 47 ekuojn, anstataŭ 175 ekuojn, kiujn kostas la peza, metala-leda aparato, kiu tiom malbeligis ŝiajn piedojn. Temis do, tiel vi certe opinias, pri inventaĵo valora, kiu ĝojigos la kriplulojn, iliajn parencojn kaj la feliĉan industriiston, kiu ekhavis la lertan ideon industrie produkti la miraklajn ŝuojn. Antaŭ tri jaroj ĉiuj kredis tiel, sed hodiaŭ la parolisto klarigas al ni la kialojn de la bankroto de la kuraĝa industriisto. Jes ja, la terapeŭtika muldaĵo kaj la normala ŝuoparo kostis eĉ ne la duonon de la antaŭa aparato, sed jen : la asekursistemo ne povas repagi normalajn ŝuojn, ĝi repagas nur la internan plastikaĵon kaj la gepatroj devas aĉeti la ŝuojn. Kompreneble ili volus, ke sia filino kontentu, sed ne se pro tio oni devas pagi 30 aldonitajn ekuojn, kiujn neniu repagos al ili. La miloj da ortopedistoj ne konas la novan teknikon, kaj, ĉar ĝi devigus ilin vendi po 47 ekuojn anstataŭ po 175 (la profito estas entute 35% de la venditaĵoj), ili tute ne emas ellerni ĝin. La asekursistemo ne plu kuraĝas ne plu repagi la antaŭajn aparatojn kaj tiel senlaborigi milojn da homoj. La parolisto aldonis la nomojn de ankaŭ kelkaj aliaj premgrupoj, kiujn mi forgesis, ĉar mi ne plu atentis ilin.

**Mi ekmeditis pri nia Esperanto.** Ĝi estas ankaŭ ege utila. Ĝi ankaŭ povus doni ĝojon kaj kulturon al milionoj da homoj. Ĝi ankaŭ estas ĉe la rando de la bankrotado. Oni ne povas diri, ke nekonataj Satanecaj fortoj konspiradas kontraŭ ĝin, sed tamen ni ĉiuj bone sentadas la rezistofortojn. Esperanto ne kostas sufiĉe multe, por ke ĝi estu lingvo de elito. Se oni instruus ĝin en la lernejoj, kion farus la iom stultaj gefiloj de altaj socitavoloj, kiuj nun iras en prestiĝajn fremdajn landojn dum kelkaj jaroj, kaj tie finfine ili ellernas lingvon de la komerco aŭ de la politiko, kaj de tie ili revenas por kaperi




*EdZ vidita de La Kancerkliniko*

postenojn postulantajn tian lingvon? Kion farus la eldonistoj, kiuj dum la kariero de deviga lernado altrudas po dek lernolibrojn prilingvajn al ĉiuj lernejanoj? Kion farus la tradukistoj kaj interpretistoj, kiuj estas bonege pagataj, ĉar faras nun laboron ege gravan kaj malfacilan? Kion farus la politikistoj, kiuj uzas la propagandon, kiel vi vian kuleron, por disdoni la bonan supon de la permesitaj informoj, kaj kies informojn kontroladus homoj rekte interparolantaj? Kion farus la ŝtatoj, kiuj sukcesas vendi siajn armilojn kaj varojn aĉkvalitajn al postrestintaj landoj nur pro tio, ke la elitoj de ĉi tiuj landoj kapablas legi la uzmanierojn nur en la lingvo de siaj antaŭaj koloniigintoj? Kion farus la pastroj se la homoj, kiuj ankoraŭ interesiĝas pri religio, povus trovi tiom da libroj pri la aliaj



# LETEROJ

religioj, kiom ili havas pri la sia; se alireligiaj misiistoj povus rekte alparoli iliajn fidelulojn? Kion farus niaj eminentuloj en la Esperanto-movado se tro da altvaloraj homoj uzus Esperanton, kaj se ili volus fariĝi esperantistoj? Ja estis tre malfacile kabeigi la areton de valoruloj, kiujn ni havis, kaj certe pro la malforteco de niaj organizaĵoj antaŭ 1917. ni ne sukcesis elpeli kiel hundaĉon Zamenhofon mem. Relegu pri tio la historion de la movado!

Do vi vidas : Esperanto estas altvalora inventaĵo, kiel la ŝuoj de Veronika, sed antaŭ ĝojigi milionojn ĝi malĝojigas centojn. Ĝi aperigas, substrekas la misaĵojn de la mondo, samkiel la skarpo de tiu alia Veronika aperigis la bildon de la doloranta vizaĝo de Kristo. Mi ofte elmetis al mi mem la demandon : kial Kabe kabeiĝis? Eble ĉi tiu historio de malfeliĉa industriisto alportis al mi respondon.

*Eugène de Zilah*

---




*Rikardo Ŝulco, (D)*

*"... mi sendis al vi du artikoletojn pri du libroj de d-ro Blanke kaj ... preskaŭ ... forgesis pri ili. Hodiaŭ mi nun estas ricevinta la kvaran n-ron de LG kaj ekvidis kun ĝojo, ke vi estas pozitive reaginta. Vi certe havis la intencon publikigi ambaŭ tekstojn.*

*Tamen, ho ve, ho ve! Okazis malagrabla konfuzaĵo. De la unua artikolo „ĈU MALRACIIGI ESPERANTON?" estas malaperinta la lasta parto (ĉ. 37 linioj) kaj de la dua la unua parto (titolo kaj ĉ. 43 linioj).*

*La nova tutaĵo, konsistiganta el du ne akordigeblaj torsoj, fariĝis vera strangaĵo kiel de Morgernŝterno inventita besto. Mi ne plendas. Nur ŝrumpis mia ĝojo. Kie elfosita mumio sub la influo de la suno.*

*Havu tamen dankon kaj pro via afabla intenco kaj pro la zorga atentado de la Esperanta lingvaĵo kaj mia persona stilo.*

LG : Jes, vi pravas kaj ni pardonpetas. Respondecas pri la eraro, kiu fuŝis vian artikolon : „ĈU MALRACIIGI ESPERANTON?", la makedista triopo, kiu algluis la finon de unu artikolo al la komenco de alia. Niaj legantoj trovos ĉi-sube la finon de via artikolo sur la 18a paĝo de LG, n-ro 4. Do post la 33a preslinio de la dua kolono de via artikolo (...substantivoj. Sed diferencigi inter „bonaĵo" kaj ...) oni devintus legi :

"bona aĵo" estas nenecesa komplikigo de Esperanto. Ambaŭ estas samsignifaj. Tiaj same estas "belulo" kaj "bela ulo".
"Krudhomo" estas fuŝita vorto. Oni ja povas paroli pri "krudechomo", kiam oni nepre bezonas tiun vorton. Mi certe preferus "krudulo" aŭ "kruda homo", kiuj ambaŭ estas ĝusta Esperanto. Ankaŭ en la Germana Lingvo ne ekzistas signifodiferenco inter "Rohling" kaj "roher Mensch", kaj se jes, mi ne posedas mian gepatran lingvon.
Ne "novfondo", sed "nova fond(ad)o"; ne "novluno", sed "nova luno"; ne "junedzino" kaj "novedzino", sed "juna edzino" kaj "nova edzino" aŭ eventuale "ĵusa edzino"; ne "grandurbo", sed "granda urbo" aŭ "urbego"; ne "altforno", sed "alta forno" aŭ "fornego".
Kiam la Esperantistoj vere bone lernos sian lingvon? La influo de manpleno da imponaj Esperantistoj estas pruviĝinta fatala. Esperanto alian aŭtoritaton ol la logikon ne bezonas. Se ĝusta logika sento, celkonforma intuo ne ŝirmus multajn Esperantistojn, la stato de nia lingvo estus ankoraŭ multe pli malbona, ol ĝi fakte estas.
Ĉu ni vere estonte ankaŭ diru : bluinko(j)(n), longbeko(j)(n), gravbanko(j)(n), flavmuro(j)(n), molplumo(j)(n), malhelvitro(j)(n), nudkorpo(j)(n), frenezbesto(j)(n), altturo(j)(n) kaj ĝust-Esperanto(n)?
Kompreneble, oni povas kompari la vortfaradon de iu ajn nacia lingvo kun tiu de Esperanto. Sed tiam oni ne devas rilati al la mistraktita, difektiĝinta, ĥaosiĝinta, ofte piĝiniĝinta, de eraroj, novismaĵoj kaj modlaĵoj traplektita lingvo, kiu, kvankam ĝi estas miriga socia fenomeno, nur mizere spegulas la senmankan, logikan, laŭ-Fundamentan, Zamenhofan lingvokoncepton. Ties esploradon prenis sur sin la Analiza Skolo, kies iniciatinto estas Luis Mimò Espinalt. Jen la tasko de la progresemaj Esperantologoj, tasko kiu ŝirmas ilin kontraŭ ĉiu tento kontribui al plia ĥaosigo de la Internacia Lingvo per rekomendo de io kiel la vortfarada modelo "adjektivo plus substantivo". Tiel oni ne povas realigi la esencan ideon de vere mondvasta, altnivela kaj science taŭga interkomprenilo.

*Rikardo Sulco*

Ni atentigas niajn legantojn, ke via RECENZO : „DETLEV BLANKE : INTERNATIONALE PLANSPRACHEN", kies finon ili povis legi, pro nia eraro, sur la 18an kaj 19an paĝoj de **LG**, n° 4, jam aperis en "**vestFALlaJ flugFOLIoJ**", n° 84 : 1986/6. Pro tio ni ne republikigas ĝin ĉi tie.

Francia esperantlingva "**ajnista**" revuo senpermese kopiis kelkajn fotojn de **LG** kaj utiligis ilin en desegnaĵoj karikatureskaj. **LG** kmpreneble ne respondecas pri agado de homoj, kiuj ne respektas la kopirajton, sed ankaŭ ne volas tuj procesi, supozante, ke tiaj mispaŝoj ne plu okazos estonte.

*S-ro **W. Gunther**, (D)*

*Nur nun mi legis viajn redaktorajn vortojn en LG, N-ro 4, kaj sentis tuj neceson respondi. Ĉar tiuj vortoj estas kvazaŭ modelo koncerne de tio, kion ni celas : montri kaj malkaŝi novdenovan, evidente apenaŭ ĉeseblan homcentriĝeman argumentadon. Ĉi tiuj internaciaj, humanecaj, peresperante altevolueblaj sintenoj, pri kiuj vi parolas, estas ja absolutaj memkompreneblaĵoj! Trompanta ridindulo, komprenebIe, kiu ŝajnigas internigon de la interna ideo kaj aktivas iel ajn malpacige! Sed pli grava laŭ mi estas la ĉiama konstato, ke ni, eĉ aŭ eble aparte la plej meritaj esperantistoj, sekvas kaj persekutas ĝenerale interkonsentiĝeblan **homan** ideologion, kiu laŭ la absoluta plimulto de pruvo kaj socio partoprenas la pli kaj pli rapidan detruon de LA vivo sur ĉi tiu Planedo. Ne tuj diru : Jen, denove li tedas nin per sia „ekologio"! Mi fakte ja kredas, ke la plimulto de la esperantistoj ne komprenas la esencon de la nocio „ekologio", alie ĉi tiu lasta ne ĉiam mankus en peresperanta prijuĝado de la aktualaj problemoj. Ekologio baze ne signifas „vivindan medion" en la senco de „por la homo vivindan medion", sed „vivo-kapablan medion", do „memstare = senhome vivokapablan medion". Nur pro tio ni certe kaj urĝe bezonas ekologian amendon en la statutoj de ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, ĉar „paco", „homaj rajtoj", „justeco", „libereco", „internaciismo humaneca" ktp., t.e. homaj atingitaĵoj kaj akcelotaĵoj jam estas sufiĉe prizorgataj en ili. Oni ja ne rajtas akcepti internacian interkompreniĝilon, kiu pro la fakto de ĝia perfekteco helpas al la homaro detrui la Teron kaj sin mem. Do, mia urĝa peto al ĉiuj, kiuj praktikas Esperanton sur filozofia fundamento : Ne forĵetu la nocion **ekologio** kiel ideologian fenomenon kiel **ekologiismon**. (Ekologiismo fakte ja estiĝis kiel politika provo akceli la ideon de ekologio pro manko da ĝenerala akceptemo pri ĉi tiu lasta). ESTAS PLI BONE, LASTINSTANCE, RETIRIĜI EL ESPERANTUJO EKOLOGIKAŬZE OL FARIĜI INTERNACIA STRUTO ENŜOVANTA KAPON EN LA SABLON DE EKOLOGIE DEZERTIĜINTA ESPERANTUJO!!!*

*Ekzemplo : Vi varbas, ke „12-a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado okazos en Ateno, la ĉefurbo de la Eŭropa civilizacio". Vi ja pravas pri tio. Tamen vi forgesas, ke vi fakte partoprenos pluan detruon de ĉi tiu civilizacia ĉefurbo per via agado. Ĉar pro industrio, trafiko kaj turismo Ateno pruveble apartenas al la plej poluci-*

# SOLVOJ EL LG-4

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | E | R | A | T | O | S | T | E | N | O |
| 2 | G | A | L | I | C | I | ■ | R | U | R |
| 3 | L | U | K | R | E | C | I | O | ■ | N |
| 4 | A | L | ■ | S | L | I | P | ■ | D | I |
| 5 | N | O | A | ■ | O | L | E | O | ■ | T |
| 6 | T | ■ | V | E | ■ | I | R | A | K | O |
| 7 | E | V | O | L | U | ■ | I | Z | O | L |
| 8 | R | A | C | I | ■ | E | T | ■ | L | O |
| 9 | I | L | E | T | ■ | P | ■ | J | U | G |
| 10 | O | S | T | R | A | C | I | S | M | O |

## SOLVO DE ŜAKPROBLEMO „ŜPB-4"

La blanka ĉevalo sur B5 okupas A7, tiel malhelpante la nigran reĝon fuĝi al C8. La nigra reĝo ekpaŝas kiel eble (B8-A8). La kuriero sur A1 okupas B2. (!!!). Se nun unu el la nigraj peonoj sur A3 aŭ C3 mortigus lin, la nigra reĝo ne evitus la maton post du paŝoj. (*? pA3-B2, ĉA7-C6, pB2-B1 /damo, ĉD5-B6 (aŭ C7) / mato!). Do la reĝo reiras B8, la kuriero daŭrigas sian zigzagan vojaĝon por elveni de malantaŭ la nigraj peonoj (B2-C1). La nigra reĝo povas nur reveni en A8, la kuriero blanka iras sur D2, la reĝo nigra revenas sur B8 (danĝero de mato kiel antaŭe!). Kuriero D2-E1. La nigra reĝo B8-A8. La ĉevalo blanka D5-B6 (ŝako!). La reĝo nigra A8-D8. La kuriero blanka E1-G3 (ŝako kaj mato!).

*ataj urboj en Eŭropo. Ne diru, ke estus „ŝekte" aŭ „preskaŭ religie" aŭ „fanatike" argumenti tiel konsekvence. Oni laŭ mi ja tute ne konsciis pri tia aspekto. Kaj ja ekzistas ebloj por kompromisoj : ĉiuj partoprenontoj de la Atena konferenco, ekzemple, provu hejme rezigni pri uzado de aŭtomobilo aŭ hejtilo dum unu monato por ekvilibrigi la $CO_2$-poluciadon de la biosfero, kaŭzita de la „atena agado". Kaj tio ĉi ja nur estas unu ekzemplo!*

**LG :** Kiam ni estis en Ateno ni tute ne konsciiĝis, ke ĝi „apartenas al la plej poluciataj urboj en Eŭropo", sed vi certe pli bone scias tion ol ni. Troviĝas tamen, ke ĝi estas ankaŭ inter la plej vizitindaj, kaj ni ne opinias, ke la haltigo de la turismado estas la plej taŭga ekologiisma metodo, ĉar nur la turistaj rilatoj povas rekte interligi la etnojn, se ni ne volas ke la interligadon faru milito. Pri la energiŝparo vi tute pravas : ni devas eltrovi metodojn de inteligenta turismado, de inteligenta vojaĝado. Viaj proponoj estas certe aŭskultindaj.

***Pawel Wimmer, (PL)***

*En la n-ro 1 de **LG** troviĝas indikoj pri la tutproduktaĵo (alivorte : nacia enspezo) por la jaro 1982a. Ili tute ne respegulas la veran vivnivelon de la loĝantaro de koncerna ŝtato. Mi preterpasas la problemon de la akirebleco de la varoj en kelkaj landoj (ĉu vi imagas, ke en Pollando eblis facile aĉeti ion pli ol kompoton kaj teon en 1981a). Tia estis ĝenerala ekvilibro en la konsumaĵa merkato, cetere tipa por la socialisma ekonomio.*
*La vivnivelo dependas ankaŭ de la alia faktoro, nome de la kvoto de la konsumado. Ĝi atingas, eĉ superas en okcidentaj eŭropaj landoj 80%. Restintaj, do 20% ni metu en armiĝon kaj similaĵojn. Oni do devas pensi pri **pura**, aŭtenta **konsumado** d e k a l k u l a n t e la akumuladon kaj elspezojn militajn, kiujn oni traktas en la socialisma ekonomio kiel parto de t.n. kolektiva konsumado, t.e. ŝtataj servoj kiel ekz. publika transporto, forigado de malpuraĵoj, nokta prilumo de urboj ktp. Se oni dekalkulos tiujn sumojn kaj tiujn de armiĝo ni ricevos, ke statistika civitano de la reala socialismo disponas pri 60-65% de la sumoj montritaj en la statistiko; en USSR eĉ nur pri 55%, kiujn oni kutime miksas ĉe la komparoj inter la vivnivelo de ekz. Danio kaj Bulgario. Kompreneble tiaj stistikoj estas tre favoraj por registaroj de la landoj de la reala socialismo, sed ne por ties loĝantoj.*
*Ni provu do atingi iom pli realan bildon : se ni volus kalkuli pli realajn (nombrajn) rilatojn, ni unue dekalkulu akumuladon kaj armiĝon de koncernaj landoj, kaj poste ni dividu akiritajn nombrojn. Rigardu la 11 p. de **LG**, n-ro 1. Tie ni trovas por Svisio 20118 EKs de la poloĝanta tutproduktaĵo (PTP), respektive por USSR 7025. Laŭ la simpla kalkulo oni rimarkas, ke statistika Sviso vivas 2.85 foje pli bone ol lia USSR-a kolego. Sed efektive, se ni dekalkulos 20% de Svisio kaj 50% de la sovetia PTP, tiam ni rimarkos, ke Sviso vivas statistike 4.7 foje pli bone ol lia sovetia kolego. Respektive, post miaj korektoj, oni devus kalkuli : ne F = 13814 – PL = 4952 kio donas 2.8, sed pli korekte : F = 11000 – PL = 3500, kio donas 3.15.*
*Diferencoj inter salajroj estas eĉ pli grandaj, ĉar ja en socialisma ekonomio kolektiva konsumado estas pli kosta, ĉar ekz. neniu havas intereson ŝpari.*
*Do, okcidentanoj, ne pensu ke la vivo en USSR estas „finance" kiel la itala, kion montras la tabelo! Tiom pri metedologio. Nombroj en la tabeloj estas ankaŭ alikaze eraraj. Absurde malaltaj estas donitaĵoj por Hungario. Ja la vivnivelo en Hungario estas multe pli alta ol en USSR! Ĝenerale, por iom realismigi la statistikojn pri PTP, kio vole-ne-vole, eĉ ne celante, pensigas homojn pri la vivnivelo, oni devus dekalkuli de la alte evoluitaj ekonomie ŝtatoj **20%**, kaj dekalkuli de la landoj de la reala socialismo ĉirkaŭ **40%-50%** /.../ .*

**LG :** Ni dankas pro via interesa prezentado de la problemo. Tutcerte ĝi prilumas ofte ne konscie montratajn statistikajn donitaĵon, kiujn oni devas reesploradi, precipe tiam, kiam el la PTP oni volas rekte scii, kiom statistika civitano de koncerna lando havas en sia poŝo.



# MOVADAJ NOVAĴOJ





*Walter Zelazny ŝokis ...*

45-a **FEDERACIA ESPERANTO-KONGRESO** kaj 23-a Praktika Staĝo de Parolata Esperanto okazis dum 8-9MAR86 en Montigny-Lès-Metz. Ĝenerale staĝoj organizitaj far'de la Orienta Federacio de UFE estas bone aranĝitaj kaj pro abundeco programa (instruado, prelegoj, distro) kontentigas partoprenantojn. La lasta aranĝo sukcesis dank'al sindediĉo kaj organiza sperteco de s-ino Nau.
Estis eblecoj kritike, vigle, akre kaj – ni esperu – kreopove diskutadi pri la plej tiklaj temoj dum la lasta, 45-a Kongreso. S-ro Ludwig, prezidanto de la Federacio, invitis s-ron Walter Zelazny prelegi pri „100 jaroj de Esperanto kaj ties Movado; prognozoj por estonteco". S-ro Zelazny strebis historie kaj sociologie difini tion, kio „mitologiĝas" en la Movado mem : Bjalistoko, „polnacia" deveno de Zamenhof, Ido-skizmo, rolo de Unesko, forta unueco kaj centrismo. Ĉu tio bremsas la progreson de la Movado aŭ plirapidigas ĝin? Plue : ĉu okazas falsigo de la Movada historio, kial kaj kiucele?
Surbaze de la teoria parto de la prelego, s-ro Zelazny ŝokis partoprenantojn per informoj pri la puĉo kontraŭ PEA. Sed kiel baldaŭ evidentiĝis, io pli ŝoka okazis : Esperantistoj – havante pli ol 100 gazetojn (unu el mitoj), pli ol 10 radioprogramojn – **ne sciis** pri tio. Ekde la puĉo ĝis la marta prelego pasis preskaŭ 5 monatoj, en tiu tempo aperis 3 freŝdataj n-roj de ESPERANTO kaj 5 de HEROLDO! La 45-a Kongreso (kiun partoprenis ankaŭ s-ino R. Triolle, prezidanto de UFE) per rezolucio petis Unuiĝon Francan por Esperanto, ke ĝi **oficiale postulu ĉe UEA** klarigojn pri la eventoj en PEA kaj pro kio UEA ne informis pri tiuj ĝustatempe.



*...partoprenantojn (dekstre : s-ro Ludwig)*

## LA DEKERARA TEKSTO

*Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de Henryk Sienkiewicz. Ĉu vi kapablas ilin retrovi? En ĉi tiu sama numero de LG vi trovos ankaŭ la espereble seneraran tekston de la sama citaĵo, laŭ la traduko de Lidja Zamenhof.*

Sed ŝia apudesto komencis ankaŭ lin influi. Lia vizaĝo paligis. La nazo disblovis sin, kiel tiu de orienta ĉevalo. Videble ankaŭ lia koro batis sub la skarlata tuniko de neordinara ritmo, ĉar lia spiro iĝis mallonga kaj vortoj ŝiris sin en la buŝon. Ankaŭ li la unua fojo estis tiel senpere apud ŝi. Liaj pensoj komencis miksi ilin; en la vejnoj li sentis fajron, kiu vane li volis estingi de vino. Ne la vino ankoraŭ, sed sia belega vizaĝo, siaj nudaj brakoj, sia knabina brusto, ondanta sub la ora tuniko, kaj sia figuro, kaŝita en la blankaj faldoj de la *peplum*, ebriigadis lin ĉiom pli. Fine li ĉirkaŭprenis ŝian manon, super la artikon, kiel li foje jam faris en la domo de Aulusoj, kaj tirante ŝin al si, komencis flustri per tremantaj lipoj :
– Mi amas vin, Callina .... dia mia! ....




## KONFERENCO DE NEM EN ATENO

La 12-a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado okazos en Ateno, la ĉefurbo de la Eŭropa civilizacio, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 1986. La ĉeftemo estas :„Paco kaj Libereco". Kompetentaj leciistoj pritraktos ĝin el filozofia, etika, historia, politika, ekologia kaj jura vidpunktoj. Okazos ankaŭ ĉefkunvenoj de Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado, Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj, Filozofia Asocio Tutmonda, la 2-a Internacia Forumo de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj, verŝajne aliaj kunvenoj kaj debatoj. Krome : interkona vespero, bankedo kun balo, vizitoj al vidindaĵoj de Ateno, tuttaga ekskurso al la regiono Korinto-Epidaŭro-Mikeno-Hefpliano, postkonferencaj ekskursoj. La konferencejo – la unuaranga Esperia Palachotelo – estas klimatizita.
Baza aliĝkotizo : 4800* drakmoj. Aliĝojn akceptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas la Loka Kongresa Komitato je la konstanta adreso : Adamantia Sakellaropoulou, Aghias Paraskevis 30, Ateno-816, Grekio. *ĉ. 37 EKs.

## KRUCVORTENIGMO "KVE-5"




*HORIZONTALE:*

*1 - Novjara restejo de la suno. 2 - Turka oficir' * Francia river' * Pecet'. 3 - Kompleta turniĝo de aviadilo * Loka Kongresa Komitato * Kalio. 4 - Ĉielarkad' * Dolĉe. 5 - Gaja frenezet' * Tabuldomet' * Roma moner' el bronzo. 6 - Oksigeno * Tera vaks'. 7 - Arkaika nomo de Ukraino * Tranĉ'. 8 - Nederlando * Nitrogeno * Elĥaosiĝi. 9 - Azenbleki * Flugebeno * Kobalto. 10 - Altpremejo.*

*VERTIKALE:*

*1 - Homaranisme Sakramentia. 2 - Helena placo * Pola lancist'. 3 - Porfriza paperet' * Kemia sufikso. 4 - Rumanio * Monosaĥarid' * Budhisma skol' * Italio. 5 - Antaŭnom' de famulo * Virtam' * Aktinio. 6 - Loĝanto de la interejo de Volgo kaj Dono * Ĉine : 536,33 metroj. 7 - Plant' kun duseksaj epiginaj floroj * Francia simbol'. 8 - La 21-a. * Papag' kun tre longa beko * Neologism' malofta * Luksemburgio. 9 - Maljes * Malklerikaleco. 10 - Pretendema, komplika gurdo.*

*La tri unuaj solvintoj ricevos premiojn se ilia solvo alvenos antaŭ 31OKT86.*

ALDO ONORATI

# LA LASTAJ ESTAS LASTAJ




Eld. : Mestrina Editrice, Venezia 1985.
96 paĝoj. Prezo : 8 ekuoj.

Temas pri traduko de libro originale verkita en la itala lingvo kies titolo estas „Gli ultimi sono ultimi", aperinta en 1966a kaj reeldonita en 1977a. Ĝin esperantigis Giuseppe LACERTOSA.

Kvankam la titolo ne estas sekvata de precizigoj pri la literatura ĝenro, ni tuj komprenas, legante la notojn de la tradukisto sur la lasta kovrilpaĝo, ke temas pri aŭtobiografio. Ĝi prezentiĝas kiel kolekto de ses historietoj pritraktantaj la saman temon. Tamen la aŭtoro, en la dediĉo, parolas pri „la esperantigo de la unua romano, kiun mi publikigis".

La „provizorulo" .....

Onorati, juna instruisto, „provizorulo", tio signifas, ke li ne estis oficiala instruisto kun ĉiuj diplomoj, anstataŭas forestintajn instruistojn en la sama regiono de Italio. Li priskribas kelkajn el siaj unuaj provoj en tiu metio. Lia vidpunkto estas freŝa kaj lia koncepto pri la edukado estas tre respektema al la geknaba digno.

La verkisto klarigas la signifon de la titolo, dirante ke, finfine, tiuj provoj estis bonaj por li, ĉar li provis havi profundajn rilatojn kun nepri-vilegiitaj infanoj. Li estis en la sama kondiĉo kiel ili : lasta kun la lastaj.

Lia situacio devigis lin ĉiam eniri novajn klasojn nur por kelkaj tagoj.

Kiel esti aŭskultata tuj? Kiel veki, ĉe la knaboj, la intereson? Oni povus diri, en pli moderna parol-maniero, kiel fari por ke komunikado tuj ekiĝu?

Kutime la reagoj de la infanoj estas negativaj. Instaliĝas konflikto en la rilatoj inter la „ŝtopilo" (iam lernantoj moknomis lin tiel), kaj la infanoj. Oni devas legi la sinsekvajn historietojn por vidi kiel Onorati sukcesas, pli-malpli facile, venki ĉi tiujn unuajn reagojn kaj gajni la amon de la infanoj, tamen montrante fortecon. Strange (ĉu vere?), li pli bone sukcesas en aĉaj kondiĉoj ol en pli bonaj. Kvankam la infanoj estas pli perfotemaj kiam ili travivis malfacilajn kondiĉojn, ili petas pli da amo ol „etburĝaj" infanetoj.

Ne ordinaraj edukmetodoj

Post tiu unua paŝo, ni malkovras liajn eduk-metodojn ne ordinarajn. Lia situacio devigis lin ĉiam ĉesigi laboron ankoraŭ ne elfaritan. Ĉu la instruisto povas entrepreni ion sur la kampo de



edukado? Certe li povus daŭrigi la programon sen havi aliajn pensojn kaj, fakte, en kelkaj cirkon-stancoj li faris tion (la lasta historieto en etburĝa medio estas rimarkinda en tiu senco). Sed kutime lia intenco estas alporti ion novan al la infanoj. Onorati tutkore akceptas ŝanĝojn en la rilatoj inter instruisto kaj lernanto. Tiu vidpunkto ne estas ŝatata de la estroj de la lernejoj kie li laboras. Kutime oni riproĉas al li manĝi dum klashoroj kun la infanoj, aŭ montri la naturon surloke al ili. Sed tiuj riproĉoj ne detruas liajn konceptojn, male, ili devigas lin montri, ke li pensas ĝuste kaj ke tiaj rilatoj kun infanoj povas naski ion interesan kaj evoluigi ilin. En la dua historieto oni povas vidi kiel la lernejestro provas „enkapti" la instruiston kaj kiel Onorati kaj lia klaso sukcesis montri al ĉiuj, okaze de oficiala aranĝo-ke ili valoras tiom kiom la aliaj (mi ne eniras en ĉiujn detalojn, lasante al la leganto iom da surprizoj).

La plej kortuŝa historieto estas la kvina, kies titolo estas „La Orfejo". Ĝi enigas nin en terurajn vivkondiĉojn de infanoj, pli-malpli solaj. La estrino de la monaĥejo tuj informis la instruiston, kiam li alvenis : „ili estas aŭ orfaj aŭ filoj de malliberuloj, de malsanuloj pro alkoholismo, de neniu kaj ... pli malbone". Onorati priskribis, per precizaj vortoj, la sentojn, kiujn li havis enirante la klasĉambron, kaj la ĉiaman miksaĵon de perforteco kaj amo, kiu regas inter la infanoj. Ni tuj vidas, antaŭ niaj okuloj, la monaĥejon kiu similas al kazerno, la infanoj kiuj ĵetas sin unu kontraŭ la alian, kun

plumingo en la mano por vunde frapi la najbaron. Ni tuj sentas la odoraĉon kiu ŝvebas en tiu klasĉambro.

Onorati devas alfronti gravajn problemojn : unua estas la fuĝo de la infano. Nokte la juna Josefo foriris trovinte la elirvojon el tiu kazerno. Tiu evento kaŭzis en la menso de la instruisto demandojn pri vivkondiĉoj de la infanoj. Li provis proksimiĝi al siaj lernantoj, por pli bone kompreni la kialon de tiu evento. Kelkajn tagoj poste, li vidis en premsonĝo, Josefon mortinta. Tiu premsonĝo estis antaŭaverta sonĝo, eĉ se la sekvantan tagon, kiam li alvenis en la lernejon, oni sciigis lin ke Josefo estas retrovita, vivanta.

La alia problemo estiĝis kiam, gvidata per antaŭaverto, li eniris necesejon kaj vidis du el siaj lernantoj seksumantaj. Li ekkonscienciĝis pri „pederastia" fenomeno kaj decidis agadi eduke sur tiu kampo. Pripensante la problemon, li alvenis al jena konkludo : „La ĉefaj kaŭzoj estis unue ne nur malpureco, sed ankaŭ malmulte da libereco, da movo, da vivo je suno kaj la aero...".

Onorati montras al ni alian flankon de la orfejo, kiun li, ĝis tiu punkto de la historio ne imagis. Li montras kiel kelkaj ĉefoj submetas pli junajn infanojn al siaj malvirtoj. Certe la profunda kaŭzo estas la manko de amo. Li sciigas nin pri la nokta vivo en la orfejo, kiom kelkaj infanoj pagas por seksumi kun aliaj.

Oni povas noti la nekutiman uzon de la vorto „pederastio". Fakte, laŭ PIV, „pederastio" signifas seksajn rilatojn inter viro kaj infano. En la libro, tiu ĉi vorto estas uzata por priskribi la rilatojn inter infanoj. Do ĝia esenco estas plilarĝigita.

Ĉu Onorati juĝas laŭmorale ĉi tiun aferon? Ŝajnas al mi ke ne. Je la fino de ĉi tiu historieto, li skribis jene : „la pederastio estas realaĵo mi diris. La naiva monaĥino miregis pro ĉi tiuj vortoj".

La libro de Onorati estas leginda libro. Mi provis klarigi kial. Certe instruistoj retrovos kelkajn el siaj spertoj. Ne nur instruistoj havos intereson malkovri tiun medion.

Notenda estas, ke monhelpo de la komunumo de Albano Laziale (provinco Romo) helpis la publikigon de tiu traduko. Oni devas saluti tiun iniciativon, kiu riĉigas la Esperanto-literaturon kaj esperi ke similaj iniciativoj multobliĝos.

*Jean-Christophe PICQUET*



*Jean-Christophe Picquet*

*Se la legado estos interesa, bonvolu skribi, esprimante vian favoran takson Esperante al urbestro de Albano, adresante :*

*Al Sindaco di Albano*
*I-00041 Albano Laziale (Italia)*

*por ke li gratulu la aŭtoron Aldo Onorati. Tiamaniere la urbestro kaj ĉiuj loĝantoj konstatos la gravan rolon de Esperanto, lingvo kaj movado en disvastigo de kulturo kaj eksterlandaj rilatoj.*

# INTERVJUO KUN LUIS HERNANDEZ



*Luis Hernandez Yzal*

LG : — Ĉu mi povas elmeti unue la kutimajn demandojn pripersonajn rilate al via aĝo, naskiĝloko, edukado, profesio, kaj tiel plu ...
**L.H.Y.** — Jes. Mi naskiĝis en la jaro, kiam forpasis d-ro Zamenhof, en la 1917a, la 25an de septembro, en Barcelono. La historio de mia esperantistiĝo estas iomete kurioza. Kiam mi alvenis en Sant Pau d'Ordal[1] mia unua veturilo estis biciklo, kiun mi aĉetis jam malnovan de amiko, ĉar mi ne estis riĉa. Li estis apotekisto kaj diris, ke en la vilaĝo mi bezonos biciklon. Tamen mi ne kapablis bone bicikli, do mi devis ofte riparigi mian veturilon. Ĉi tiu biciklo pezis 30 kilogramojn, ĝi estis tre fortika (vi komprenas, ke hodiaŭ mi bezonus fortikan biciklon, sed tiam ankoraŭ ne[2]...) tamen multfoje mi devis ĝin riparigi. Mi do iradis ĉe riparisto en Vilafranca, kiu estis esperantisto ekde la jaro 1909a. Li diradis al mi : „ho, sinjoro, vi estas tre kulturita homo, vi facile povos ellerni Esperanton...", li faris bonegan propagandon, kaj mi respondis kiel oni ĉiam respondas : „jes, ĝi estas tre interesa afero, ĉiu devus lerni Esperanton, sed mi... mi ne havas tempon."
**LG** : — Ĉu vi estis ankoraŭ studento tiam?
**L.H.Y.** : — Ne, mi jam estis apotekisto tie ĉi. Antaŭe ĉiam mi loĝis en Barcelono, mi nur forestis el Barcelono dum la milito[3], kiam mi finis la studadon tie mi foriris por labori dum kelkaj jaroj kiel dungito de apotekisto, kaj poste mi volis aĉeti apotekon, sed dumtempe aperis leĝo, kiu limigis la nombron de apotekoj kaj la prezoj subite multe altiĝis. Ni estis pluraj fratoj en la familio kaj mia patro ruiniĝis dum la milito, li ne povis min helpi. Do tiam mi serĉis kie mi povus munti apotekon. En la vilaĝetoj la apotekistoj ne estas nur apotekistoj, sed ankaŭ „inspektoroj pri sano". Tie, kie mankas tiuj „inspektoroj", se mi povas ekhavi tian postenon, mi ankaŭ rajtas apertigi novan apotekon. Oni publikigis liston de 11 lokoj en la provinco de Barcelono, kie oni serĉis apotekistojn. Ĉi tiuj urbetoj ne estas tro malproksimaj de Barcelono, do de mia familio, mi povis iri tien. Mi estas jam de 41 jaroj ĉi tie en Sant Pau kaj ĝis nun ĉiusemajne mi vizitis miajn gepatrojn. Nun, bedaŭrinde, pluvivas nur mia patrino. Do mi alvenis en Sant Pau en 1944a, kvar tagoj antaŭ Kristnasko.
**LG** : — Do, kaj via esperantiĝo...?
**L.H.Y.** : — Mia esperantiĝo? En la jaro 1956a komenciĝis la batalo por esperantigi min. Mia riparisto de biciklo abonis por mi gazetojn kaj metis anoncojn por mi en la gazetojn. Li ne lasis min trankvila.

**Ĉiujare iom malaltiĝas la nombro ...**

En 1963a okazis nacia kongreso de Esperanto en Barcelono. Bone! Mi volis enmeti la nazon por konstati kio estas tio. Fortune, estis eble la plej bona kongreso kiu iam okazis en Hispanio. Aliĝis preskaŭ 800 homoj, kaj kutime aliĝas nur 300-400. Ĉiujare iom malaltiĝas la nombro. Tie mi decidis lerni la lingvon ĉar mi estis jam aboninta al gazetoj. Mi tiutempe ne havis monon por aĉeti sonbendojn aŭ diskojn, la ekonomiaj aferoj ne funkciis bone en Hispanio. (Se mi rakontus pri miaj primonaj malfacilaĵoj dum la unuaj jaroj, eble vi ridus, eble mi eĉ ridus mem. Tiam mi ekkonis la valoron de ĉiu unupeseta[4] monero.) Por ellerni Esperanton, mi konfesas, (eble mi ne estas sufiĉe kapabla homo) ke



*Teresa Massana Ràfols pleje meritas en la starigo de la HISPANA ESPERANTO-MUZEO*

mi bezonis iomete pli ol unu jaron. Poste mi vizitis faman esperantiston5, kiu en Barcelono estis nia najbaro dum 25 jaroj kaj kun kiu mi tamen ĝis tiam ne konatiĝis, kiu iusence fariĝis mia profesoro.
Mi enskribiĝis ankaŭ en perkorespondan kurson de Ramon Morera, jam mortinta, sed post kvar aŭ kvin lecionoj mi lasis la aferon, pro manko de tempo. Sed ni ĉiam restis tre bonaj amikoj. Li ankaŭ estis kolektanto kiel mi.
**LG :** – Ĉu tiutempe vi estis ankoraŭ fraŭlo aŭ ĉu via edzino ne kontraŭstaris vian esperantistiĝon.
**L.H.Y. :** – Ne, tute ne. Pri mia edzino, ni devas paroli kiel pri persono, kiu pleje meritas en mia laboro kaj en la starigo de la HISPANA ESPERANTO-MUZEO. Sed mi daŭrigas : ... Kiam mi ellernis Esperanton mi tiam komprenis la kialon de iu afero, kiu ŝajnis al mi absurdaĵo. La fenomeno Esperanto tre entuziasmigas la homojn. Fine oni decidas lerni la lingvon. Kaj poste oni ekvidas la realan situacion de la movado. Ŝajnas neeble, ke afero tiel interesa, tiel praktika, stagnas. Poste mi komprenis, ke ĉi tio dependas de foraj cirkonstancoj, nome de la politiko de diversaj landoj. Ĉiu lando timas, ke se Esperanto prosperas, tio povos malutili al sia propra lingvo. Mi ĉiam diras, ke pensu, ke la francoj ekzemple elspezas por la disvastigo de la franca lingvo gigantan monsumon : francaj lernejoj ekzistas en preskaŭ ĉiuj grandaj urboj en la mondo; same pri la angloj, la germanoj : Royal Society, Goethe-Instituto, ktp. La profesoroj pri lingvoj timas, ke ili subite restus sen laboro. Mi konstatis, ke multaj homoj, kiuj havas nek okazon, nek emon, nek monon por lerni lingvojn pro sia esperantistiĝo multe lernis. ... Mi ne komprenis kial homoj kiuj jam lernis la lingvon poste forlasas ĝin. Por ke al mi ne okazu tio mi devis fari ion. Do mi fariĝis dumviva membro de Universala Esperanto-Asocio (UEA), tiutempe gvidata de prof. Lapenna. (Komprenu : ŝajnas al mi vera katastrofo, kiam homo, kiu komencis ion, forlasas tion, perdante la tutan enmetitan laboron.) Tio kostis al mi multe da mono, sed mi pensis, ke se mi lasas la aferon mi tamen daŭre ricevos la gazeton.

**... tiom da gazetoj ...**

Poste tio ne sufiĉis al mi, mi diris : mi devas fari ion. Mi ĉiam havis la emon por kolektadi. Bone! Mi povis kolekti ĉiujn gazetojn aperintajn en Esperanto. Mi ne povis supozi, ke estis tiom da gazetoj! Kaj tiumaniere mi komencis kolektante gazetojn.
**LG :** – Kiam ĉi tio okazis?

**... mi inaŭguris la muzeon ...**

**L.H.Y. :** – En 1966a aŭ 67a. ... Tiel, en 1968a mi jam inaŭguris la muzeon de Esperanto en apuda



*... tiom da gazetoj ...*

ĉambro de mia apoteko. Sed post kvar aŭ kvin jaroj la materialo kolektita estis tiom granda, ke la apoteko kaj mia loĝejo ne plu sufiĉis. Tiam intervenis mia edzino, kiu diris : „Bone! Aŭ vi aĉetas tendon kaj ni iros tendumi en la strato, ĉar ne plu estas loko por ni en la loĝejo, aŭ vi konstruigas domon por via kolekto de esperantaĵoj." Do male al la kutima farmaniero de aliaj virinoj, kiuj riproĉadas al siaj edzoj elspezi pro Esperanto, ŝi mem instigis min konstrui domon speciale taŭgan al mia kolekto. Kaj ŝi multege helpis min. Ĉi tie en la muzeo vi ĉie povas rimarki la plibeligojn faritajn per virinaj manoj. Do ni konstruis specialan domon por la muzeo. Tiam la samideanoj eksciinte, ke fiksa muzeo ekzistas, sendis al mi multe da materialo, ne nur kulturan, sed ĉion, kion vi povas vidi en, kion mi nomas, la folklora parto de la muzeo.

**LG** : – (agema homo kiel s-ro Hernandez, jam tro longe sidadis en sia oficejo, apud sia bela skribotablo. Jam du aŭ tri fojojn li ekleviĝis por montri tian aŭ alian trezoron de la muzeo, nun li ne plu rezistas al sia emo, li vizitigas al mi la muzeon, kaj mi postkuradas lin kun mia magnetofono enmane.)

**L.H.Y.** : – Rigardu do en ĉi tiuj du vitraj ŝrankoj : ŝildetoj, horloĝoj, moneroj, vizitkartoj, ventumiloj, cindrujoj, ringoj, broĉoj. Ĉiuj „esperantaj". Foje alvenas tuta aŭtobuso, kaj envenas 30-40 samideanoj, kaj ili rigardas ĉi tiujn ŝrankojn, kaj elpuŝas onomatopeojn : ho!, ha!, olala, ... Kaj dum la tuta tempo ili nur rigardas ĉi tiujn folkloraĵojn. Restas al ili eĉ ne minuto por vidi la 5000 librojn kaj 4000 jarkolektojn de periodaĵoj, kiun mi havas. Iun tagon, sinjoro, kiu partoprenis en kolektiva vojaĝo por viziti la muzeon, envenis, ĉirkaŭiris, kaj diris : ho, nur libroj... kaj li foriris, sen ion viziti. Tamen li elspezis por veni viziti la muzeon; tiam mi ankoraŭ ne havis la folkloran parton...

**... manuskriptojn de Zamenhof, originalaj fotoj, maloftegaj libroj...**

Sed mi preferas unuopan viziton de studemaj homoj ol invado de grupoj. Tiam mi povas komplezi al ĉiu, montrante la dokumentojn aŭ aferojn, kiujn ili serĉas. La unua afero estas scii la naciecon de la vizitanto. Ĉu li estas Bulgaro, Patagono? ... Kiam li vidas, ke mi havas dokumentojn pri la Esperanto-historio de lia lando, li tuj miras : ho! ah!... kaj ekkomprenas la valoron de nia kolekto, li povas eklabori entuziasme. La kolektemaj homoj ŝajnas stranguloj, kaj ĝis kiam ili ne havas sufiĉe grandan kolekton el diversaj aferoj, oni eĉ primokas ilin. Sed kiam la kolekto fariĝas granda, kompleta, tiam oni miras kaj oni malkovras la valoron, la intereson de la kolektitaj aĵoj. Same okazas pri Esperanto.



Kiam oni vizitas kompletan, grandan kolekton de esperantaĵoj, de esperanta libraro, de esperantaj manuskriptoj, ktp... oni ekmiras pri la valoro de Esperanto, kiun oni ne konis aŭ ne rekonis antaŭe. Pro tio mi komencis kolektante gazetojn, nun mi kolektas ĉion. Ĉion en Esperanto aŭ pri Esperanto. Venu, venu, rigardu ĉi tiun manskribaĵon de d-ro Zamenhof. Mi posedas la manuskripton skribitan de liaj manoj de „La rabistoj", kiun „La Revuo" ricevis la 11an de aprilo 1907a. (...) Mi havas skatolojn plenajn je leteroj de esperantistoj al esperantistoj. Leteroj ne pristuditaj, ne eldonitaj... Tagon venis sinjoro, kiu diris, ke li esperantiĝis en la jaro mi jam forgesis kioma. Sed mi memoris, ke mi havas en mia kolekto leteron skribitan de li en Esperanto unu aŭ du jarojn antaŭ la de li anoncita dato. Do mi diris :

– Ne, sinjoro, vi jam estis esperantisto antaŭe.

– Tute ne, li diris, mi ja scias tion pli bone ol vi.
– Do, vi certe kapablas legi propran manskribaĵon – mi diris – montrante al li la leteron, kiun mi havas en la kolekto. Li miris, kaj rekonis, ke mi pravas. ... Venu, venu, ĉi tie, en ĉi tiuj ŝrankoj vi havas kolekton de bildkartoj, iom pli ol 150.000... Venu, venu, rigardu ĉi tiun pentraĵon pri Zamenhof... Apude estas la pordo de la gastĉambro, kiu havas propran banĉambron. Erudiciulo povas, se li volas loĝi ĉi tie dum monato, kaj labori. Li havos ĉi tie enciklopediojn, skribmaŝinon, eĉ komputilon.



*... ho, nur libroj ...*

LG : – Ni tute ne dubas. Li povus laboradi ĉi tie pri la historio kaj la literaturo de Esperanto dum jardekoj. LG bedaŭrinde ne havas sufiĉe da loko por unuope priskribi ĉiujn trezorojn, kiujn vi montras al ni, sed ni publikigos statistikan resumon pri la mirinda HISPANA ESPERANTO-MUZEO, kiun ĉiu esperantisto devus viziti almenaŭ unufoje. Ni dankas al vi pro viaj respondoj. Ni atentigos niajn legantojn, ke niaj intervjuoj estas rektaj, perparolaj kaj nepreparitaj de la intervjuito, kiu, en tiaj cirkonstancoj povas erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero. *LG = EdZ*

*1 - Sant Pau d'Ordal estas Katalunia vilaĝo de vitkulturistoj inter Barcelono kaj Taragono, 37 km de la unua, kaj 64 km de la dua.*

*2 - S-ro Hernandez, sen esti dikega, ne estas svelta homo, kaj ofte humoras pri sia malsvelteco.*

*3 - dum la Hispana civila milito inter 1936-39aj jaroj.*

*4 - Peseto = Es = Hispania monunuo.*

*5 - S-ro Filonao?*

## KIAMANIERE ONI POVAS HELPI LA MUZEON

Ĉiuj esperantaĵoj estas bonvenaj kaj zorge kolektitaj en la Muzeo, do forĵetu nenion! Ĉio estas utila por nia Movado : malnovaj gazetoj, bultenoj, cirkuleroj, informiloj kaj ceteraj periodaĵoj estas treege valoraj por la kompilado de la Historio de Esperanto. La malgrandaj E-grupoj kaj ankaŭ la izolitaj esperantistoj jam tre pozitive kontribuis al la riĉigo de nia Esperanto-muzeo, la sola en Hispanujo kaj la kvara en la mondo.
Do, bonvole sendu ĉion ne plu bezonatan, kaj estu certaj, ke viajn kontribuaĵojn por la Muzeo kaj por la Historio de Esperanto oni akceptos kiel verajn juvelojn.

## STATISTIKA RESUMO

| | |
|---|---|
| Libroj en aŭ pri Esperanto | 4.557 |
| Turismaj broŝuroj | 1.215 |
| Jarkolektoj de gazetoj, konsistantaj el 3110 diversaj titoloj | 3.860 |
| Proksimume 1700 skatoloj kun ne kompletaj jarkolektoj de gazetoj | 19.500 |
| Skatoloj kun korespondaĵo de diversaj e-istoj | 1.864 |
| Kongresaj insignoj | 144 |
| Porokazaj pri kongresoj, ferioj, renkontiĝoj ktp | 387 |
| Esperantaj insignoj | 207 |
| Esperantaj poŝtkartoj kun teksto en aŭ pri Esperanto | 1.625 |
| Standaroj de iamaj Esperanto-societoj | 3 |
| Diversdimensiaj flagetoj | 19 |
| Glumarkoj ne datumitaj kun teksto en aŭ pri Esperanto | 812 |
| Gazetaj eltondaĵoj | 725 |
| Kalendaroj muraj, poŝaj ktp | 112 |
| Kongreslibroj | 167 |
| Muraflŝoj propagandaj, kongresaj, foiraj ktp | 393 |
| Moneroj | 5 |
| Vizitkartoj | 257 |
| Fotoj kaj kliŝoj pri esperantistoj kaj eventoj de la Movado | 423 |
| Diversaj memorigaĵoj | 412 |
| Manuskriptoj kun ne publigitaj tekstoj pri verkaĵoj, paroladoj ktp | 17 |
| Propagandiloj kiel krajonoj, raziloj, ventumiloj, globkrajonoj, skrapgumoj, skatoloj de tabako ktp | 123 |



# PREZOJ KAJ KURZOJ

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n.

*1 EKUO VALORIS JE 30MAJ86*

| | | |
|---|---|---|
| *15.151 As* | *0.630 GBs* | *7.280 Ns* |
| *44.013 Bs* | *134.407 GRs* | *2.424 NLs* |
| *0.892 BGs* | *44.079 Hs* | *143.883 Ps* |
| *1.306 CDNs* | *1477.202 Is* | *155.168 PLs* |
| *1.780 CHs* | *1.410 ILs* | *6.868 Ss* |
| *2.154 Ds* | *39.152 ISs* | *4.962 SFs* |
| *7.966 DKs* | *159.943 Js* | *0.674 SUs* |
| *136.880 Es* | *44.013 Ls* | *0.948 USAs* |
| *6.862 Fs* | *8.670 MAs* | *356.926 YUs* |







Post iom da tempo multaj el niaj legantoj ekveturos ferii. Ni esperas utili al ili publikante la prezojn en kelkaj Eŭropaj landoj de la benzino supera kaj de la gasoleo por Disel-aŭtomobiloj. Tiel ili pli bone scios kie oni povas plej ŝpare plenigi sian benzinujon.

| **L A N D O** | **BENZINO** | **GASOLEO** |
|---|---|---|
| Aŭstrio | *0.63* | *0.61* |
| Danio | *0.85* | *0.54* |
| Finlando | *0.61* | *0.42* |
| Francio | *0.72* | *0.55* |
| Germanio FR | *0.52* | *0.49* |
| Grekio | *0.58* | *0.28* |
| Hispanio | *0.60* | *0.44* |
| Luksemburgio | *0.47* | *0.43* |
| Nederlando | *0.59* | *0.35* |
| Svedio | *0.60* | *0.36* |

## ŜAKPROBLEMO „ŜPB-5" DE PASKALO

Situacio de la blankularo : reĝo = B2, turo = E5, ĉevalo = E4, peonoj = A2/E3. Situacio de la nigrularo : reĝo = B4, damo = F8, peono = G7. La blankuloj ekludas kaj sukcesas gajni. La tri unuaj solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenas antaŭ 31OKT86.



# NI RIDETU



En trajna kupeo vojaĝis katolika pastro kun rabeno. Dum la vojaĝo ili interparolis pri diversaj aferoj. Post ioma tempo, la pastro eltiris paketon kun manĝo, dispakis ĝin kaj invitis rabenon gustumi tre apetite aspektantan ŝinkon. Rabeno afable malakceptis kaj sciigis:
– Ekskuzu min pastro, sed nia religio tion ne permesas.
– Domaĝe, domaĝe, ĉar tio estas tre bona.
Kiam ili venis surloke, ili reciproke dankis sin pro la plezuriga interparolado kaj por adiaŭo, la rabeno diris :
– Bondezirojn por via estimata edzino!
– Sed ja, estas por vi sciate – eldiris la pastro – ke nia religio malpermesas geedziĝon.
– Domaĝe, domaĝe – replikis rabeno – ĉar tio estas tre bona.

◊ ◊ ◊



Iu rabeno rakontadis al siaj disĉiploj pri mirindaĵoj. Inter aliaj troviĝis jena rakonto :
– Povra patrino forlasis en la arbaro sian infanon, ĉar mankis al ŝi mono por ĝin nutri. Sole forlasita infano ploregis. Ĝian plendon ekaŭdis iu lignohakisto kaj prenis ĝin kun si. Karese alpremis la infanon por ĝin konsoli. Sed infano, malsata, plu ploris kaj la homo estis tro malriĉa por aĉeti lakton por bebo. Ĉu vi konjektas kion tiam faris Dio? Li igis miraklon, kiu ne okazis ankoraŭ de post la kreo de la mondo. Li, Eterna kaŭzis, ke al la lignohakisto kreskis virina mamo plena da lakto, por nutri la infanon.
Kiam la rabeno finrakontis, je vizaĝoj de liaj disĉiploj aperis raviĝo. Nur unu el ili, malkontente mienis. Rabeno do turnis sin al li :
– Vi aspektas tiel, kvazaŭ tiu ĉi rakonto ne plaĉus al vi.
– Netute. Mi nur ne tro komprenas kial La Sinjoro ĝuste tiel pritraktis tiun homon, igante miraklon nekonforman al la naturleĝoj. Ĉar ja Li povis mirakli alirezulte, ol doni al viro virinan mamon. Povis Li, ekzemple, elĉiele desupri sakon plenan da mono. Tiam la homo ĝin trovus, dungus mamnutristinon kaj ĉio bonordus. Infano havus taŭgan protekton kaj leĝoj de la naturo restus observitaj.
Rabeno ekridetis :
– Kara mia, ja vi estas homo pensanta. Diru vi mem, se La Sinjoro povas igi tian miraklon, ke al lignohakisto kreskas virina mamo, kial do Li elspezu tiom da mono?

◊ ◊ ◊

Du, iom fanatikaj, judoj diskutas pri la populareco de iliaj rabenoj.
La unua diras :
– Kiam la nia, rabeno el Berdyczów, venas Varsovion – granda eŭforio ekregas la urbon kaj kie ajn la rabeno aperas, homoj vidigas lin dirante : rigardu, rigardu, jen la fama rabeno el Berdyczów.
– Ho!, vi nomas tion populareco – moketis la dua – kiam la nia, rabeno el Góra Kalwaria, estis iam en Romo, li vizitis la Papon. Kiam la Papo akompanis lin, en palankeno al la hotelo, ĉiuj Romanoj sin demandis : Kiu estas tiu blanke vestita gojo* kiu sidas apud rabeno el Góra Kalwaria?

◊ ◊ ◊

Al unu juda kudristo venis kliento mendi pantalonon. Kiam li ekaŭdis, ke ĝi povos esti farota nur post unu monato, ekkriis :
– Sinjoro, vi scias, ke Dio kreis la mondon dum ses tagoj, kaj vi por stulta pantalono bezonas tutan monaton?
– Sinjoro kara – replikis la kudristo – rigardu tamen tiun ĉi mondon, kaj rigardu la pantalonon.

*** gojo** – en la jida lingvo **nejudo**

*El la libro MADROŚCI ŻYDOWSKIE, Wiedza Powszechna, Warszawa 1961, kompilita laŭ anekdotoj de polaj judoj fare de **Aleksander Droždžyński**, tradukis el la pola **Erta Liczmańska***



*Erta Liczmanska*





(La redaktoro de LG ĉeestis intergrupan aranĝon de MFKA en Sant-Pau-d'Ordal (E), kaj tie, en la riĉega „Muzeo de Esperanto", li konatiĝis kun la giganta, ĉirkaŭ 120-voluma ENCICLOPEDIA UNIVERSAL ILUSTRADA EUROPEO-AMERICANA. Ĝi probable estas la plej ampleksa enciklopedio en la mondo : vera fonto de ĉiuj konoj. Kompare al ĝi bagateliĝas la plej grandaj enciklopedioj, eĉ ENCYCLOPEDIA BRITANNICA (angla) aŭ ENCYCLOPEDIA UNIVERSALIS (franca). La giganta verkaĵo donas la etimojn de ĉiuj terminoj, post kiuj, parenteze, vi trovos la ekvivalentaĵojn en la lingvoj : franca, itala, angla, germana, portugala, kataluna kaj **Esperanto (!)**. Kion faras esperantisto kiam li trafoliumas tian verkaĵon? ...La redaktoro de LG agis same kaj tuj rigardis kion la enciklopedio diras pri Esperanto, kaj li surprize konstatis, ke ne nur oni priparolas tie, tute honeste, (notinda afero!), Esperanton, sed aldone oni tie pritraktas nian originalan literaturon, kun scienca objektiveco, laŭlonge de 12 densegaj paĝoj. De tiam li ekhavis la nepran deziron konatigi tion, kion skribas ĉi tiu altvalora enciklopedio pri nia literaturo por ĉiuj legantoj de LG, kiuj ne scipovas la hispanan lingvon. Joan **Ràfols Vendrell** akceptis esperantigi la tekston. Dank'al li vi povas do legi la jenan citaĵon el la fama enciklopedio.)



*Joan Ràfols Vendrell*

ENCICLOPEDIA

VNIVERSAL ILVSTRADA

EVROPEO-AMERICANA



ETIMOLOGÍAS

Sánscrito, Hebreo, Griego, Latín, Árabe, lenguas indígenas americanas, etc.

VERSIONES DE LA MAYORÍA DE LAS VOCES EN

Francés, Italiano, Inglés, Alemán, Portugués, Catalán

Esperanto

# KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

BARCELONA

HIJOS DE J. ESPASA, EDITORES

579 - CALLE DE LAS CORTES - 579

## LA UNUAJ PAŜOJ

Esperanto, internacia lingvo, naskiĝis pro la kulturaj postuloj de la teknika progreso disvolvita ekde la industria revolucio. Kvankam antaŭvidita kiel prototipo, antaŭ jarcentoj, eĉ de Leibniz kaj aliaj filozofoj, nur la disvolviĝo de la komunikadeblecoj (fervojoj, telegrafo, kaj poste, radio, televido kaj aviado) kreos la bezonatajn kaj sufiĉajn kondiĉojn por determini ĝian alvenon. La teknikaĵoj kiuj alproksimigis homojn bezonis helpon de la kulturo. Simpla komunikada kodo ne solvus la problemon, kiu transcendas la nivelon pure teknikan.

Tial la aŭtoro de Esperanto estis antaŭ ĉio kultura homo kaj artisto. Lia lingvo iris pli malproksimen ol la filozofiaj antaŭvidoj, do, pro ĝia propra strukturo, estas lingvo kun multaj poetikaj eblecoj.

Lejzer Ludwik Zamenhof (1859-1917) volis krei lingvon kiu povus esti parolata kaj aŭdata, kaj en siaj unuaj eksperimentoj li ĝin uzis, precize, por verki poezion. Jam en sia „Unua libro", kiu prezentis Esperanton al la mondo, aperis du poemoj : „Mia penso", kaj „Ho, mia kor'". Entute estas konataj kvin notindaj originalaj poemoj de Zamenhof. Kvankam hodiaŭ oni inklinas malŝati ilin, do en ili oni vidas plu nur simplan „lirikan emocion" (J. Francis), la ritmo de ilia lingvo, lia melodio kaj ilia elvoka forto havas nediskuteblan ĉarmon, pro tio oni povas ilin kompari kun la plej bonaj verkoj el la romantika Eŭropo.

Krome, la notinda talento de Zamenhof aperas poste, tra liaj mirindaj tradukoj esperantaj de

Shakespeare, Goethe, Schiller, Heine kaj aliaj poetoj, kun kiuj komencas la kultura literatura tradicio en tiu ĉi lingvo, kio estas notinda, ĉar ankoraŭ hodiaŭ, post jarcento, personoj nebone informitaj kutime diras, ke Esperanto estas lingvo sen kulturo.

Oni povas diri ke la Esperanta literaturo naskiĝis kun la lingvo mem, ĉar ĝi komencis en la tempo mem de ĝia kreiĝo, tio signifas samtempe kun la publikiĝo de la libro kiun la aŭtoro prezentis en 1887.

Pro ĝia konscia naskiĝo — kaj oni ne devas forgesi ke ĉiuj modernaj lingvoj estas rezulto de sinsekvaj pripensadoj — la esperantistoj, de la. komenco, dividiĝis laŭ du opinioj : tiuj kiuj kredis ke por fiksi la lingvon kaj devenigi kulturan tradicion oni bezonis ĝin uzi por kreadverkoj (laŭ la ekzemplo de Zamenhof mem), kaj tiuj, kiuj konsideris pli grava la traduklaboron, ĉar ili kredis ke donus pli da prestiĝo al la lingvo la disvolviĝo de ĝia esprimkapablo tra tradukoj de literaturaj majstroverkoj. Ĉi-tiu tendenco havis ĉiam multajn anojn, kiel Kolomano Kalocsay, kiu, malgraŭ ke li estis grava esperanta poeto, dediĉis sian plej bonan talenton al tradukado. Hodiaŭ eldoniĝis esperante 15 verkoj de Shakespeare, „La Divina Comedia", „Faŭsto" de Goethe, „La Floroj de l'Malbono", kaj tradukoj de Garcia Lorca, Machado, Molière, Strindberg, Ibsen, Gogol, Cervantes, Saikaku, Blasco Ibanez, Poe, Victor Català, Korolenko, Voltaire kaj Knut Hamsun, inter aliaj aŭtoroj, kaj ankaŭ la Biblio kaj la Korano.

Oni povus kunmeti bibliotekon kun preskaŭ dek mil volumoj el gravaj literaturaj verkoj, diverslingvaj, tradukitaj en Esperanton. Kompreneble, tuta ĉi-tiu travivaĵo, tra preskaŭ naŭdek jaroj (1887-1976) realigis lingvan riĉecon kiu ne povus resti senprofita por la originalaj verkistoj, la aŭtentikaj kreantoj. Oni povas konsideri, do, la esperantan literaturon kiel la plej juna de la mondo (tiamaniere klasifikis ĝin C. C. Guglieliminetti) kun la ebla escepto de kelkaj Sovetiaj literaturoj kiuj ekkomencis manifestiĝi kiel tiuj, post la oktobra revolucio. Kiel diris D. B. Gregor en sia artikolo „La kultura valoro de Esperanto" (The cultural value of Esperanto, en Modern Languages, decembro 1965), la esperanta literaturo „ekkomencis poezie kaj pludaŭris riĉiĝante".

Diversaj kialoj povas determini ĉi tiun procezon. Unu estas la malfermita kampo, kiun Esperanto povas prezenti al la imago. Pro tio la esperanta komunaĵo inkluzivas grandan procenton da homoj dotitaj de poetaj talentoj. Pli probabla estas la bezono, kiun la poetoj sentas, krei novajn vortojn kun kiuj revesti la malnovajn pensojn, kiuj movis homojn senti poezion, ekde la homaj pratempoj. Alie, la esperanta vortaro estas ne nur riĉa je rimoj, sed ofertas, krome, nekredeblan agadkampon por kiu amas la vortojn, por kiu ŝatas ilin manipuli, ilin krei kaj ordigi laŭ mirinda kaj signifa ordo. La esperantaj vortoj ne estas malvarmaj simboloj, malplenaj je implicoj de vorta senco, nek ilia vivo estas nur pala reflekto de ilia fonto. Laŭ ĝia kunteksto kaj uzo, pro la speciala fizionomio de la lingvo kaj la ideo el kiu ĝi naskiĝis, la vortaro fariĝis tiel alte ŝarĝita je sento kiel en ajna alia lingvo uzata dum la normala vivo kaj nutrata per literaturo.

Estis, kompreneble, do „amatorismo" dum la unuaj tempoj, tiel poezie kiel proze. La produktado, krome, estis tre malrapida : nur kelkaj dekduoj da verkoj. Entute estis kelkaj centoj da idealistoj, dissemitaj tra Eŭropo, kiuj interkorespondadis apenaŭ. Sed en la „Fundamenta Krestomatio", en 1903, aperas, kune kun novaj poemoj de Lejzer Ludwik Zamenhof, originalaj verkoj de novaj poetoj kiel Devjatnin, Jegorov, Kofman, Langlet, Seleznev, Felix Zamenhof (frato de Lejzer Ludwik), nur en 1908a ekkomenciĝis eldonado de timemaj kaj humilaj poeziaj libretoj : „Verdaj fajrejoj" de la ruso Roman Frenkel. En 1910a eldoniĝas „Unuaj agordoj" de Elski kaj Eska (pseŭdonimo de la poloj Stanislaw Braun kaj Stanislaw Karolczyk). Poste aperas tri volumoj de la ĉeĥo Stanislav Schulhof, „Per espero al despero", „Kion la vivo alportas" (1911), „Aŭtunaj floroj" (1919). En tiu-ĉi lasta jaro, krome, eldoniĝis aliaj libroj : „Petaloj" de la polo Czeslaw Kozlowski, „Versoj" de la ruso Georgo Deŝkin kaj la debuto de kiu estos gravulo en postaj jaroj : la sviso Edmond Privat (1889-1962), kiu lanĉis sian poemlibron „Tra l'silento", konsiderata de la nuna kritiko kiel la plej grava libro de la esperantisma literaturo de la unuaj jaroj.

Ĉiumaniere, dum la unuaj jaroj en la tradukado manifestiĝis la plej bonaj talentoj, kiel Antoni Grabowski (1857-1921), Kabe (1872-1959), kaj Devjatnin (1862-1938). Kvankam ili estis ankaŭ originalaj poetoj, oni konsideris kaj honorigis ilin kiel „laboristojn" de la lingvo pro iliaj tradukoj. La polo Grabowski restas en la literatura historio esperanta nur pro sia notinda traduko de „Sinjoro Tadeo" (pole Pan Tadeusz) de eposa poeto Adam Mickiewicz. Ĉi-tiu traduko montris la grandegajn eblecojn de la lingvo kaj multe helpis ĝian akceptadon en kleraj medioj. En ĝi la aŭtoro ellaboris la esperantan metrikon, kuraĝege kaj elpense. Kiel poeto, kvankam li ne verkis ion pli, lia poemo „Sur unu kordo" certigos al li bonan lokon en la esperantistaj beletroj. En tiu ĉi poemo li respondas al kritikisto kiu diras ke maleblas esperantigi la fablojn de La Fontaine ĉar en ĉi tiu lingvo rimas nur vortoj el sama kategorio gramatika. Do bone, Grabowski respondas al li rimante, en ĉi tiu verko, nur per vortoj apartenantaj al gramatikaj kategorioj malsamaj.

Ĉi-tiu poemo markas gravan limŝtonon, ĉar reprezentas la devenon de multaj modernistaj eksperimentoj, kiujn oni faris en tiu ĉi lingvo, post la unua mondmilito.

Kabe estas la pseŭdonimo de la pola kuracisto Kazimierz Bein, aŭtoro de tradukoj kiuj ankoraŭ hodiaŭ estas modelo de la lingvo, precipe „La faraono" de Boleslaw Prus, en tri grandaj volumoj. Vasilij Devjatnin aperigas, ekde 1894, siajn tradukojn de „Boris Godunov" kaj „Ruslan kaj Ludmila" de Puŝkin, tiel kiel sian originalan produktaĵon, kunigitan en la „Plena verkaro", en du volumoj, eldonitaj en 1908a kaj 1911a.

El la unuaj jaroj oni devas mencii, ankaŭ, la eldoniĝon, en 1914a, de la „Melodioj de l'nokto" de la anglo Albert E. Steyner kaj de la „Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj" de la hispano Rafael de San Millàn Alonso (1866-1924). En 1917a, la ruso Boris Mirski, kiu jam kvin jaroj antaŭe aperigis volumon de tradukoj el la verkaro de Lermontov kaj Goethe, lanĉis libron de originalaj poemoj : „La dorna karesilo".

La originala prozo Esperanta, fora de propagandaj tekstoj, aperis praktike samtempe kiel la poezio. En 1907a kaj 1908a la franco Henri Valliene (1854-1909) eldonigis du romanojn, kiuj estis la unuaj skribitaj en tiu ĉi lingvo : „Kastelo de Prelongo" kaj „Ĉu li?", ambaŭ kun pli ol kvincent paĝoj. Ili estas felietonaj romanoj, kun krimoj, brulegoj, mistero, juĝaj eraroj, ktp., sed havis grandan rolon montrante, ke la lingvo, kreita de Zamenhof, taŭgis ĉiugenre kaj ankaŭ por skribi verkojn tiom longajn. Pli malgrandaj verkoj, fabeloj kaj mallongaj romanoj eldoniĝis jam abunde, ekde la apero de Esperanto.

Inter la unuaj rakontistoj neniu genio estis, sed ilia persisto kontribuis kune kun la gazetaro, kongresoj, kaj internaciaj renkontiĝoj, subteni Esperanton kiel lingvon vivantan. En 1896a, la rakontoj „Kraljeviĉ Marko", de la rusa M. Abesgus, gajnis premion en internacia literatura konkurso : en ili, li parolas pri servuta patrioto kaj de liaj naciismaj revoj.

Samjare, V. Stankieviĉ eldonas rakontojn : „El la vivo de esperantistoj", kiu unuafoje metis tiun junan literaturon antaŭ problemon, kiu ankoraŭ hodiaŭ ne havas respondon, almenaŭ praktike : la problemo de la kultura pozicio de Esperanto. Anglo aŭ franco, skribante esperante, ĉu ili nur faras anglan aŭ francan literaturon „Esperante", kiel tio okazas kelkfoje en aliaj kazoj, kiel ekzemple kaze de Italo Svevo, verkisto itala-germana, ĉar li estis germano (aŭstra-hungara) kiu naskiĝis kaj loĝis en Trieste kaj tial skribis itale sen lasi, pro tio, senti sin germana.

Ĉu eblas, aliflanke, krei literaturon, kiu apartenas al neniu nacio, kiu estas vere internacia, kiel la



helenisma aŭ la renesanca de humanistoj? Ĉiam, la esperantaj verkistoj tiel intencis, kiel jam en 1896a en la rakontoj de V. Stankieviĉ kaj de aliaj aŭtoroj, kiujn trafluas esperantista etoso. Krome ekzistas internacia Esperanto-subkulturo ne literatura, kvankam ĝi ne estas plu nura subkulturo.

Je la dekkvina jaro de la dudeka jarcento jam eldoniĝas verkoj kies karaktero ne reflektas la aŭtoran naciecon, tio estas, apartenantaj al „indiĝena" literaturo Esperanta kaj, konsekvence, de alta internacia valoro kaj literatura kvalito.
Nomoj kiel Marjorie Boulton, William Auld, Sàndor Szathmari, Ferenc Szilàgyi kaj aliaj estus fieraĵoj por ĉiuj landoj.

Ĉiumaniere, estas grave scii, ke la Esperanto-movado havas nur naŭdek jarojn, ĝi trapasis du mondmilitojn kaj, (1) faŝismaj reĝimoj persekutis ĝin. Plejmulte gravas sekvi ian vojaĝplanon, por paroli pri la interna senco kiu postrestas. La tendenco favore al originala literaturo en Esperanto ricevis tre gravan impulson de la laboristoj kaj de ilia

(1) kaj komunistoj




gvidanto E. Lanti (1879-1947), kiu skribis : „Esperanto ne venkos pro komercistoj kaj turistoj. Tiuflanke jam gajnis la angla. Esperanto superregos pro sia literaturo ... Se ... aperas geniaj verkistoj ... Tiam, nia lingvo ricevos nedetrueblan fundamenton, de kiu kreskos monda literaturo...". Lanti mem ne estis originala aŭtoro, kreadsence, sed li estis unu el la plej bonaj stilistoj de la lingvo (por ne diri la plej bona), ĉar li simpligis la barokismojn, kiujn la lingvo akiris, kaj skribis en simpla stilo, kiu ankoraŭ hodiaŭ, igas utila, kiel modelo, liajn tradukojn, precipe de Voltaire. Lia graveco estas, pro tio, tre granda, krome, pro la iniciatemo de Lanti oni organizis kaj eldonis la grandajn normvortarojn de Esperanto.

La verkistoj, dume, ne ĉesis verkadi : la fino Karl Magnus Nordensvan (1850-1903) aperigis diversajn romanetojn, en 1898a, kaj Josef Wasniewski (1895-1897) aperigis „En la Brikejo"-n, kun priskriboj iomete „finjarcentaj" (fin-de-siècle), sed tre realismaj, pri la laborista vivo. La ruso Ivan Ŝirjajev (1877-1933), aperigis diversajn romanetojn en la volumo „Sep rakontoj" en 1906a, kaj la kataluno Frederich Pujulà i Vallès, en 1908a, „La grafo erarinta"-n kaj „Naivulo"-n. La sviso Edmond



Privat, kiu debutas kiel poeto en 1912a, eldonis romaneton „Karlo", en lingvo, kiun, pro ĝia klareco kaj beleco, ni povas hodiaŭ konsideri kiel klasika.

Sed la grandaj romanoj sinsekvadas, kaj ni havas ankoraŭ antaŭ la mondmilito : „Tri angloj alilande"-n, en 1912a, de la anglo John Merchant, „Paŭlo Debenham"-on (1912) kaj „Mirinda amo"-n (1913) de la germano Heinrich A. Luyken (1864-1940), iomete arkaikaj, kun siaj personaĵoj tro stereotipaj, reprezentantaj la lukton inter bono kaj malbono, en 1915a, la anglo H. B. Hyams verkis utopian filozofian romanon, „Nova sento", kiu, malgraŭ ĝia elegantaĉo, elĉerpiĝis tuj. Fine, mencindas la anglino Edith Sinnotte, en 1918a, kaj ŝia romano „Lilio", tro nereala. Ni estis en epoko dekadenca.

*(daŭrigota)*

# LEGAĴO

## SKRIBISTO ANA VENAS AL TANIS

*(el libro elĉerpita : LUNO DE IZRAEL de Sir H. Rider Haggard, tradukita de Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler, eldonita en Londono en 1928a).*

JEN estas rakonto pri mi, Ana la skribisto, filo de Meri, kaj pri kelkaj el la tagoj kiujn mi pasigis sur la tero. Mi skribas ĝin nun en mia maljuneco, dum la regado de Ramzes – la tria kun tiu nomo – kiam Egiptujo denove estas potenca kiel en antikva tempo. Mi skribas ĝin antaŭ ol la morto min prenos, por ke oni enterigu ĝin kun mi ĉe mia morto. Eble, kiam mia spirito leviĝos en la horo de reviviĝo, tiam ankaŭ ĉi tiuj miaj vortoj leviĝos siatempe kaj rakontos al miaj posteuloj sur la tero pri tio, kion mi sciis kiam mi estis sur la tero. Okazu tio, kion dekretos la Ĉielo. Almenaŭ mi skribas; kaj tio, kion mi skribas, estas vera.

Mi rakontos pri tiu dia moŝto, kiun mi amis kaj amas kiel mian propran animon, Seti Manepta la dua, kies naskiĝa tago estis mia naskiĝa tago, la Falko, kiu flugis al ĉielo antaŭ mi; kaj pri Userti la Fiera, lia reĝino, kiu poste edziniĝis kun lia dia moŝto Sapta, kaj kies entombigon vi vidis ĉe Tebes. Mi rakontos pri Merapi, la Luno de Izrael kaj pri ŝia popolo la Hebreoj, kiuj loĝis longe en Egiptujo, kaj foriris de tie paginte nin per honto kaj perdo por ĉio bona aŭ malbona kion ni faris al ili. Mi rakontos pri la milito inter la dioj de Egiptujo kaj la dio de Izrael, kaj pri multo, kio okazis en ĝi.

– – –

En tiu tempo la granda faraono Ramzes la dua jam estis tre maljuna, ĉar li ne portiĝis al Oziris antaŭ ol li vidis cent leviĝojn de Nilo. Li, kaj lia filo Menepta post li, loĝis en la urbo Tanis en la dezerto, dum mi loĝis kun miaj gepatroj en la antikva blankmura urbo Memfis apud Nilo. Iafoje Menepta kaj lia kortego vizitis Memfison kiel ankaŭ Tebeson, kie li kuŝas nun en sia reĝa tombo. Se nur unufoje la juna princo Seti, la heredonto, la Espero de Egiptujo, lin akompanis, ĉar lia patrino As-nefert ne favoris Memfison, kie okazis al ŝi ia malagrablaĵo dum ŝia juneco – laŭdire iu amafero, kiu kostis al ŝia amanto la vivon kaj al ŝi dolorantan koron. Do Seti restis kun sia patrino, kiu ne permesis, ke li foriru de ŝi.

Unu fojon, tamen, havante dek kvin jarojn, li vizitis Memfison. Tie oni publike proklamis lin la filo de sia patro, la Filo de la Suno, la portonto de la Duobla Krono; kaj tiam oni alvokis nin, liajn ĝemelojn en Ra – ni estis dek naŭ el nobela sango





– ke ni renkontu lin kaj kisu liajn reĝajn piedojn. Mi pretiĝis iri en bela nova vestaĵo, sur kiu brodiĝis purpure la nomoj de Seti kaj mi mem. Sed ĝuste en tiu mateno, per la malfavoro de iu malbona dio, mi kovriĝis de makuloj sur vizaĝo kaj la tuta korpo, malsano ofta ĉe junuloj. Do mi ne vidis la princon, ĉar antaŭ ol mi resaniĝis li forlasis Memfison.

*(La skribisto Ana fariĝis fama rakontisto kaj faraonido, princo Seti, fervora amatoro de liaj rakontoj. Seti ordonis al Ana veni Tanis-on por rakonti siajn rakontojn, sed kiam li alvenis la koruptitaj korteganoj malhelpas lin renkonti la princon. Li devas elspezi siajn havaĵojn por ke oni prezentu lin al la princa moŝto. Li do alvenis ĝis la antaŭĉambro de Seti, kaj tie atendas eventualan akcepton.)*

– Aliaj distraĵoj mankas, princo. Tamen, jes. Atendas ekstere iu skribisto Ana, viro maldika, akranaza, kiu diras, ke li estas la ĝemelo en Ra de via moŝto.

– Ana! – diris la princo. – Tiu el Memfis, kiu verkas rakontojn? Kial vi ne diris tion al mi antaŭe, vi malsaĝulo? Li eniru tuj-tuj, ĉu vi aŭdas?

Aŭdinte tion, mi, Ana, marŝis tra la kurtenoj, kaj riverencis ĝis la tero dirante :

– Mi estas tiu viro, ho Reĝa Filo de la Suno.

– Kiel vi kuraĝas veni antaŭ la princon sen ordono... komencis Pambasa, sed Seti lin interrompis per severa voĉo, dirante :

– Kaj kiel kuraĝas vi, Pambasa, haltigi kaj atendigi ĉi tiun klerulon ĉe mia pordo kvazaŭ hundon? Leviĝu, Ana, kaj ĉesu doni al mi titolojn, ĉar ni ne estas ĉe la kortego. Diru al mi, de kiam vi estas ĉi tie en Tanis?

– De multaj tagoj, princo – mi respondis – provante vin atingi, sed vane.

– Kaj kiel vi fine sukcesis?

– Per pago, princo – mi respondis naive – ŝajne la ordinara maniero. La pordistoj...

– Mi komprenas – diris Seti – la pordistoj! Pambasa, vi informiĝu pri la sumo, kiun ĉi tiu klera skribisto elspezis al la 'pordistoj', kaj repagu al li la duoblon. Foriru nun, kaj atentu la aferon.

Do Pambasa foriris, ĵetante al mi rigardon petegan.

– Klarigu al mi – diris Seti, kiam Pambasa estis for – vi, kiu nepre estas saĝa laŭ via maniero; kial kortego ĉiam naskas ŝtelistojn?

– Mi supozas, ke pro la sama kialo, princo, ke la dorso de hundo allogas pulojn. Puloj devas vivi, kaj jen staras la hundo.

*(daŭrigota)*

**Falko** : *Rabobirdo servanta por ĉasi malgrandajn bestojn. Egipta faraona emblemo : la dio Horuso.*
**Kortego** : *Cirkaŭantaro de regnestro aŭ princo.*

# KORNA VIPURO

– Ĉu la tra-iro de la land-limoj estas ĉiam tre teda ?

– Ĝenerale jes. Ekzemple, kiam mi estis ĉe la land-limo inter Maroko kaj Alĝer-io, la dogan-istoj preskaŭ dis-metis, unu post la alia, ĉiujn aŭtomobilojn, esperante trovi toksojn[1] aĉetitajn en Maroko. Tie mi renkontis "anglojn". Fakte nur ilia aŭtomobilo estis angla, unu el ili estis Hindi-ano kaj la alia Uson-ano. Mi simpatiis kun ili. Mi helpis ilin ĉe la land-limo, kiel tradukanto, ĉar ili ne sci-povis la francan. Poste ni vetur-adis kune tra Saharo dum unu monato kaj du-ono.

– Kiun vetur-ilon ili havis ?

–"Bugi"-on, kiu estas tre trans-formita Volksvageno, el la fama "Koksinelo", kiu teorie bon-ege tra-veturas sablo-kampojn, sed praktike ĝi estas valora nur por mal-longaj promen-adoj sur sablaj mar-bordoj, kaj ĝi ne taŭgas por longaj vojaĝoj.

-Kial? Ĉu ĝi ek-paneis?
-Ne vere, almenaŭ mi ne povas diri, ke ĝi ek-haltis, sed en Saharo, ĝi komencis perdi oleon, po unu litron hore.
-Ĉu vi havis sufiĉe da oleo por tra-veturi la dezerton?
-Kompren-eble ne. Ni havis sufiĉe por normala oleo-ŝanĝo, sed ne por perdi po dek litrojn tage.
-Do, kion vi faris?
-Ni haltis. Ni iris dormi frue, post decido, ke ni vek-iĝos fru-matene por el-profiti la freŝajn matenajn horojn kaj ripari mem la aŭton?
-Ĉu vi sukcesis?
-Jes, sed ni bezonis ok horojn, ĉar ni devis elpreni la motoron, por ŝanĝi la kluĉilon kaj akso-junt-ilon[2]?
-Ĉu ne estas danĝere tiel halti kaj ripar-adi en Saharo?
-Fakte la danĝero ne kuŝas tie, kie oni opinias ... Dum la ripar-ado la Hindi-ano preskaŭ metis piedon sur kornan vipuron.
-Ĉu ĝi ek-mordis lin?
-Ne, sed li havis strangan ideon kapti ĝin, meti ĝin en vitro-vazon, kaj parto-pren-igi ĝin en la vojaĝo. Cetere ĝi terur-igis la nigrajn dogan-istojn inter Alĝer-io kaj Niĝer-lando. Post la mal-fermo de la vazo en-tenanta la vipuron, ili ne plu interes-iĝis pri niaj pakaĵoj.

Edgar

1.- Opio, mariĥuano, haŝiŝo, kaj tiel plu ...
2.- Junto: kuniga interspaco inter du pecoj, kiun oni plenigas per juntilo el mola metalo, plastiko, ledo, ktp.



*Korna vipuro en ganta mano*

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

Sed ŝia apudesto komencis ankaŭ lin influi. Lia vizaĝo **paliĝis.** La nazo disblovis sin, kiel tiu de orienta ĉevalo. Videble ankaŭ lia koro batis sub la skarlata tuniko **per** neordinara ritmo, ĉar lia spiro iĝis mallonga kaj vortoj ŝiris sin en la **buŝo.** Ankaŭ li la **unuan fojon** estis tiel senpere apud ŝi. Liaj pensoj komencis miksi **sin;** en la vejnoj li sentis fajron, **kiun** vane li volis estingi **per** vino. Ne la vino ankoraŭ, sed **ŝia** belega vizaĝo, **ŝiaj** nudaj brakoj, **ŝia** knabina brusto, ondanta sub la ora tuniko, kaj **ŝia** figuro, kaŝita en la blankaj faldoj de la *peplum*, ebriigadis lin **ĉiam** pli. Fine li ĉirkaŭprenis ŝian manon, super la **artiko,** kiel li foje jam faris en la domo de Aulusoj, kaj tirante ŝin al si, komencis flustri per tremantaj lipoj :
– Mi amas vin, Callina .... dia mia! ....

# NI PAROLU PRI ... PREPOZICIOJ




*Originalaj bildstrioj de Thierry Badet*